Esperanto Numismatika Asocio




Esperanta Numismatiko 2014 Jarkolekto 1 - Numero 3


ESPERANTO

MEDALOJ

+

MONEROJ

KOMPILIS KAJ ELDONIS : HANS JANKOWSKI
REDAKTIS KAJ REALIGIS: ALFRED CONZETH

ALDONO al "LA RADSALTANTO" N° 1 / 1990

*La 1a jarkolekto estas omaĝo al Hans Jankowski*

# *E N H A V O T A B E L O*

***de julio 2014***

# *De ni por … ni !*

Karaj legantoj, karaj ENA-amikoj! Hodiaŭ vi malfermis, ĉu per WORD, ĉu per PDF la trian numeron de nia ENA-revuo.

Hodiaŭ mi ĝojas povi anonci al vi la aniĝon de tri novaj membroj: unu el Slovakio, unu el Pollando kaj unu el Belgio. Do entute ni nuntempe havas 28 membrojn en 10 landoj.

Grava novaĵo estas mesaĝo (vidu la rubrikon RETPOŜTO) de Ana Manero de la Biblioteko Juan Régulo en Madrido (Hispana Esperanto-Federacio). Ŝi spontane kreis kolekton en Bitoteko por Esperanto numismatiko. Ege bona ideo kaj iniciato por reklami pri nia nova fakgrupo. Tutkore ni dankas vin, kara Ana!

Entuziasma propagandistino de nia afero estas ankaŭ Teresa Liberska, pollando-devena esperantistino, kiu sukcese ekspluatas bonkvalitan, bonetosan, do rekomendindan hotelon/restoracion “Zum Pass” en Sieber/ Herzberg (Germanio). Multaj el ŝiaj gastoj estas esperantistoj, kiujn ŝi “flegas” patrinece. Vere esperanta “nesto”, ĉar ankaŭ la edzo kaj la filino komunikas esperante. Dankon ankaŭ al vi, kara Teresa!

La ĝis nun montritaj fotoj de medaloj en la revuo montras pro neceso erojn el mia propra kolekto. Do mi (sen)pacience atendados fotojn (kun klarigo se eble) de via(j) propra(j) kolektaĵo(j) esperantista(j), ĉar la rubriko KOLEKTAĴOJ ĝis nun restis tute malplena, bedaŭrinde…Do, se vi emus kaj sukcesus krei iom da libertempo en la tri venontaj monatoj por nia ENA-revuo, ne hezitu kaj surprizu nin! Aŭ sendu vivsignon, kritikon, saluton, proponon ktp, per unu vorto: REAGU! Antaŭdankon!

Mi kore dankas ĉiujn kiuj kontribuis al ĉi-tria numero kaj krome ĉiujn kiuj lasus sin de mi instigi per la konata devizo de la francaj musketeroj : “Ĉiu por ĉiuj kaj ĉiuj por ĉiu”!

## *M O N E R O J & M E D A L O J*

### Esperanto-medaloj de Herzberg am Harz

1. Kastelo de la Welf-familio

**Tipo A 1**







Lando: Germanio

Metalo: bronzo

Diametro: 112 mm

Kvanto: nekonata

Pezo: 276 gr

Artisto / Medalisto: Peter Götz Güttler

### *Averso:*

Kastelo Herzberg kun kvinpinta stelo esperanta. Eldonjaro: 2008.
Skribo: “SALUTON EL HERZBERG”- “ 2008”- “KASTELO DE LA WELF-FAMILIO”

### *Reverso:*

Blazono de la urbo Herzberg kun virleono kaj vircervo.
Ĉirkaŭa skribo: “LA ESPERANTO-URBO-HERZBERG AM HARZ. DIE ESPERANTO-STADT.” Sub la blazono: “KROMNOMO DE: 12.07.2006”

## 2. D-ro L.L. Zamenhof

**Tipo A 1**




Lando: Germanio

Metalo: bronzo

Diametro: 112 mm

Kvanto: nekonata

Pezo: 388 gr

Artisto / Medalisto: Peter Götz Güttler

### *Averso:*

Busto de Zamenhof. Ĉirkaŭa skribo: "LUDOVIKO LAZARO ZAMENHOF 1859-1917 KREINTO DE ESPERANTO"-"150-A NASKIĜTAGO 15-A DE DECEMBRO 2009" Maldekstre: esperanta steleto. Dekstre: branĉeto de glorkrono.

### *Reverso:*

Blazono de la urbo Herzberg kun virleono kaj vircervo.
Ĉirkaŭa skribo: "LA ESPERANTO-URBO-HERZBERG AM HARZ. DIE ESPERANTO-STADT." Sub la blazono: "KROMNOMO DE: 12.07.2006"

### *Rimarko:*

Eldonita okaze de la starigo de Zamenhof-monumento en Herzberg, 150-jara naskiĝdatreveno.

3. Joachim Giessner

## Tipo A 1






Lando: Germanio

Metalo: bronzo

Diametro: 112 mm

Kvanto: nekonata

Pezo: 355 gr

Artisto / Medalisto: Peter Götz Güttler

### *Averso:*

Fronta portreto de Joachim Giessner kaj sube fronta bildo de vaportrajno kaj la eldonjaro 2013. Rimarku ke la vaporo konsistas el notoj. Giessner esperantigis ĉirkaŭ 200 kantojn el naciaj kulturoj. Ĉirkaŭa teksto: "JOACHIM GIESSNER ✳ 1913  2003 ✚ ESPERANTO kaj FERVOJO"

### *Reverso:*

Blazono de la urbo Herzberg kun virleono kaj vircervo.
Ĉirkaŭa skribo: "LA ESPERANTO-URBO-HERZBERG AM HARZ. DIE ESPERANTO-STADT." Sub la blazono: "KROMNOMO DE: 12.07.2006"

4. Jubilea medalo Góra kaj Herzberg

## Tipo A 1




Lando: Germanio

Metalo: bronzo

Diametro: 112 mm

Kvanto: nekonata

Pezo: 315 gr

Artisto / Medalisto: Peter Götz Güttler

### *Averso:*

Blazono de la pola urbo Góra, ĝemela urbo de Herzberg. Ĉirkaŭa skribo: "20-JARA URBOPARTNERECO 1993 2013 GÓRA PL- GÓRA & DE-HERZBERG AM HARZ"

### *Reverso:*

Blazono de la urbo Herzberg kun virleono kaj vircervo.
Ĉirkaŭa skribo: "LA ESPERANTO-URBO-HERZBERG AM HARZ. DIE ESPERANTO-STADT." Sub la blazono: "KROMNOMO DE: 12.07.2006"

# *A S P E K T O J   D E   N U M I S M A T I K O*

## 1. La koncepto “numismatiko”

La difino en PIV (“Plena Ilustrita Vortaro”) de la termino “numismatiko”, nome “Scienco pri antikvaj moneroj k. medaloj”, sendube estas limhava kaj altmoda. Nuntempe ĝenerale estas akceptata la precizigo: “La faka scienco pri moneroj kaj medaloj, ne gravas ĉu antikvaj aŭ modernaj. Krome la dediĉo kolekti ilin” (Vikipedio).

La fonto estas la antikva greka vorto “υομισματική”. Pere de la hebreaj vortoj “numii” (monero) kaj “amastik” (reunio) ekestis la koncepto “monerkolekto”.

Jam en la Roma Imperio numismatiko estis praktikata kiel ŝatokupo kaj investo.




Denario el la epoko de Roma Respubliko,
uzita kiel standarda monero arĝenta

En la 19a jarcento numismatiko iĝis vera scienco pro la tiama aprecigo de sciencoj. Klasike numismatiko funkcias kiel helpa scienco de la historia scienco. Moneroj kaj medaloj montras la interŝanĝojn inter popoloj, la ekonomion kaj multajn aliajn sociajn fenomenojn.

Arkeologiaj restaĵoj kiel moneroj kaj medaloj atestas pri la diversaj kulturaj ideoj, montras krome ties karakteron, kronologion, kutimojn kaj okazaĵojn. Kiel sciencoj helpaj por la numismatiko mem rolas i.a. la ikonologio, la paleografio, la historio de arto ktp. Moneroj kaj medaloj trovitaj en arkeologiaj kuŝejoj tre klare montras konceptojn pri la oldeco de aliaj restaĵoj.

Tamen per metaldetektiloj iliaj uzantoj tro ofte detruas kaj kompromitas la laboron de scientistoj. Ili fortranĉas la konilojn per kiuj arkeologoj pli efike povus datigi aliajn restaĵojn.

Nia asocio, ENA, pritraktas ne la teorian aŭ doktrinan parton de numismatikon, sed la historian aŭ priskriban parton, kiu okupiĝas pri la disvolvigo kaj la studo en diferencaj kulturoj kaj klasigo kaj priskribo.

(daŭrigota)

# *T E R M I N A R O*

## *Alfabeta listo(2):*

**figuro**: *figuraj elementoj de ambaŭ flankoj*

**modulo**: *diametro de la cirkonferenco kiu la pecon markigas*

**monbileto( bankbileto)**:*vidu "papermono"*

**motifo**: *portretoj, blazonoj, desegnoj aŭ reliefoj*

**papermono**: *mono en formo de biletoj*

**patino**: *koloroj aŭ nuancoj pro la oksidigo de metaloj*

**pendoringo**: *ringo apartenante al la monero kiu retenas ĝin por pendigi ĝin al laĉo aŭ ĉeno*

**reverso (dorso)**: *malpli grava flanko kun la monvaloro. Ofte ĝi montras bildojn sociajn, religiajn historiajn ktp.*

**stampaĵo**: *bildoj kaj tekstoj (legendoj) de ambaŭ flankoj de la monero*

**subskribo***: findinda subskribo sur monpapero de direktoroj de bankoj, guberniestroj aŭ aliaj kompetentaj personoj*

**titro**: *rilato inter la ĉefa metalo de la monero kaj aliaj materialoj*

**R E T P O Ŝ T O**

de vi por ni!

## Reagoj kaj konversacioj

19 .01.2014 23:12




Nia ENA- membro Herman Deceuninck sendis poemon en kiu troviĝas enigma monbileto kun la bilde de Zamenhof. Pri tiu monbileto vi ricevos informojn en unu el la venontaj numeroj.

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

9.04.2014 13:04

Saluton Bert,

Dankon pro la nova numero.

Eble mi rimarku du detalojn pri ortografio, en la paĝo 5a:
- "Halászbástya" (do ne "He...")
- "emlék" (kun akcento sur la dua e)

Tiu akcento sur "emlék" efektive videblas sur la medalo kaj kongruas kun la ĝusta hungara ortografio: "e" prononciĝas kiel en la nederlandlingva "melk", "é" kiel la unua en "meten".

Ne konsidueru tion kritikon al cetere interesa revuo, sed eble publikigindan korekton ;-)

Amike,

Marc Vanden Bempt



9.04.2014 13:47

saluton kara Bert
mi ricevas la duan numeron de la bulteno numismatika!
mi tre sxatas gxin! gratulon!
mi ankoraux ne scias kiel kunlabori.

ideo:
proponi bilde estontajn monerojn aux medalojn, kiel artajxojn, ankoraux ne metale faritajn, pri diversaj temoj, rilate al esperanto aux ne.
kion vi opinias?

estas eblo bilde prezenti medalon aux murmedalon por rememori specialan okazajxon, ekz fondon de asocio aux malfermon de kongreso ktp.
"Bert kaj aliaj asoci-fondantaj numismatoj tostas gaje cxirkauxtable;
la medal-modelo estas arta tamen la uloj rekoneblas".
"La mondfama numismatika asocio celebras 20an datrevenon; tial proponigxas medalo homagxa kaj simbole resuma la cxefajn celojn aux atingajxojn de la asocio".

gxis baldaux kaj denove dankon pro la bulteno!
pardonu, mi tre okupita estis la lundon 31an, do mi ne povus cxeesti vian kunvenon. alifoje!

amike
David Trembla



**From:** Boon-Tudts
**Sent:** Wednesday, April 9, 2014 8:03 AM
**To:** Pirlot Germain
**Subject:** Esperanta numismatiko - dua numero 2014

Kara ENA-membro,

Aldone vi trovos kaj en WORD kaj en PDF la duan numeron de la revuo "Esperanta Numismatiko" 2014. Se vi tamen havus problemon malfermi la tekston, bonvolu sciigi tion al mi.

Mi deziras agrablan legadon.

Kun numismatikaj salutoj,

Bert, iniciatinto

**From:** Pirlot Germain
**Sent:** vrijdag 11 april 2014 9:14
**To:** Undisclosed-Recipient:;
**Subject:** Esperanta numismatiko - dua numero 2014

Kara,

Se tio interesus vin, mi plezure transsendus al vi tiun 2-an numeron de "Esperanta Numismatiko".
Vi nur menciu la version kiun vi dezirus ricevi
- chu en Word (1,48 Mo)
- chu en Pdf (801 Ko).

Kore,

Germain

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

17.04.2014 18:32

Kara Bert,
dankon pro la sendo de la revuo. Mi legis ĝin kun ega intereso. Ĝi varias kaj allogas.
Unu nura atentigo: mi ne estas germana, sed itala, el la urbo Trieste.
Preskau certe mi estos en Lille venontjare, por la 100-a UK, tiam ni povos kune diskonigi du asociojn, nome la Numismatikan kaj la Filatelistan. Mi pretas kunhelpi.
Kun espero iam trovi tempon kaj interesan temon por nia "Esperanta Numismatiko", plej amike salutas
via Elda

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

23.04.2014 21:09

Saluton, Bert.

Jam estas kreita kolekto en Bitoteko por Esperanta numismatiko:
http://www.esperanto.es:8080/jspui/handle/11013/4387

Kaj jen la rektaj ligiloj al la du aperintaj numeroj:
http://hdl.handle.net/11013/4389
http://hdl.handle.net/11013/4390

Venonta lundo, post restartigo de la sistemo, eblos serĉi ilin ankaŭ
rekte en la indekso.

Kore,

Ana



03.05.2014 21:57

Kara,

Vidu respondo sube + aldone

Herman Deceuninck

**Van:** Boon-Tudts [mailto:bert.boon@skynet.be]
**Verzonden:** maandag 14 april 2014 18:30
**Aan:** Herman Deceuninck
**Onderwerp:** Re: Esperanta numismatiko - dua numero 2014

Dankon, Herman!

Chu la dua numero de EN plachas al vi? Chu vi havas proponojn por plibonigi ajn rubrikon? Aliajn ideojn?

Samideane,

Bert

JES, eble estonte aldoni ligojn al videoj en kiuj iu medalo, stelo-mono ludas rolon ?

Herman






## EKSPOZICIO "ESPERANTO KAJ KOLEKTADO" INVITAS VIN PREZENTI KOLEKTITAĴOJN

La 27-an de septembro 2014 (kadre de la tutŝtata filetala ekspozicio) okazos ankaŭ inaŭguro de la nova tutjara ekspozicio kun la supra temo en la Esperanto-Muzeo Svitavy en Ĉehio. Por ke ĝi estu laŭeble plej kvalita kaj bunta, organizantoj bonvenigus kunlaboron de Esperanto-kolektantoj!




Ni serĉas interesiĝantojn, kiuj pretus senpage disponigi por unu jaro elekton el siaj kolektoj. Bona pritrakto kaj protekto kontraŭ damaĝo aŭ ŝtelo estos prizorgita. Nomoj (kaj laŭ interkonsento fotoportretoj) de la ekspoziciantoj estos videble menciitaj. ĈEA pretas repagi sendokostojn de la pruntedonantoj kaj siakoste ankaŭ bonorde resendi la materialojn post fino de la ekspozicio.

Ni serĉas ekspoziciaĵojn en la sekvaj kategorioj:
**1. "Esperantaĵoj"** (prioritate filatelaĵoj: poŝtmarkoj kaj kovertoj, kaj tridimensiaj objektoj (suveniroj kun Esperanto-motivoj, kuriozaĵoj) sed ankaŭ insignoj, glumarkoj, medaloj, kalendaroj ktp (ne bildkartoj, krom historiaj ĝis 1939).
2. **"Kion kolektas esperantistoj"** - specimenoj el diverstemaj kolektaĵoj pri NEesperantaj temoj: ekz. moneroj kaj bankbiletoj, artaĵoj, popolmetiaj objektoj, folkloraj pupoj, ludiloj ĝenerale k.t.p.



**A N O N C O J**

**&**

**E V E N T O J**

# “Esperanto kaj medalarto” en Herzberg am Harz


P. Zilvar, G. Walter, P.G. Güttler, B. Boon

La unuan de junio 2014 okazis la inaŭguro de prinumismatika ekspozicio en la “Welfen- Kastelo” de Herzberg am Harz, “La esperanto urbo”. Honoraj gastoj estis la loka urbestro Gerhard Walter, arkitekto kaj medalisto Peter Götz Güttler kaj la iniciatoro de ENA. Laŭ Peter Zilvar, kiu estas la prezidanto de Interkultura Centro Herzberg (ICH) kaj kiu organizis la eventon kune kun Zsofia Korody,, moneroj kaj medaloj koncerne Esperanton havas multajn amikojn en la vasta mondo.

La ekspozicio montris diversajn Esperanto- medalojn, monerojn kaj krome aliajn objektojn kiuj havas afinecon kun esperanta numismatiko.

Ege fortiris la atenton la esperantaj medaloj kreitaj de P. G. Güttler (vidu en ĉi-numero la rubrikon “Moneroj & Medaloj”). La artisto ekde 1970 kreis multe da altkvalitaj medaloj menciitaj en la ampleksa katalogo “Güttler – Medaillen, gegossene Münzen”.

Petro Zilvar klarigante montris la kvar Esperanto- medalojn koncerne Herzberg. La medalisto mem fiere montris la kvinan, novan medalon, kiu aperos laŭdire en oktobro.

Kiel prezidanto de la belga Esperanto- klubo “La Hirundo”, Bert Boon donacis por ICH al Petro kaj Zsofia la medalon kreita okaze de la 20-jara jubileo de la klubo en 2012. La organizantoj tuj malfermis la montroŝrankon por plikompletigi kaj pliriĉigi la kolekton.



Parto de la prinumismatika ekspozicio